# Regione

Nº 4 - 1ª semestro/1994

**BRAZILA ORGANO DELEGITRETA**

UEA/BR-REGIONOJ:

ŜTATOJ:

**AMAZONIA**

Amazonas-Roraima,Amapá-Pará-Maranhão-Acre-Rondônia

**NORDORIENTA**

Piauí-Ceará-Rio Grande do Norte-Paraíba-Pernambuco-Alagoas-Sergipe-Bahia

**CENTROKCIDENTA**

Tocantins-Distrito Federal-Goiás-Mato Grosso Mato Grosso do Sul

**NORDORIENTA**

**ORIENTA**

Minas Gerais-Espírito Santo-Rio de Janeiro

**SUDA**

São Paulo-Paraná Santa Catarina Rio Grande do Sul

Ĉefdelegito:Symilde S.Ledon
Redaktejo:Caixa Postal 269
12460-000 Campos do Jordão,SP
BRASIL



## 3ª SEMINARIO DE DELEGITA RETO DE UEA/BR

Programo:

1-a Kunsido

DELEGITA RETO EN BRAZILO

(Raporto)

Parto I - a)Stato
b)Organigramo
c)Taksado

Parto II- a)Regionaj Delegitoj
b)Diskuto

2-a Kunsido

DELEGITA RETO EN SUD-AMERIKO

(Interrilatoj)

Parto I - a)Eblecoj
b)Proponoj
c)Decidoj

Parto II- Protokolo de la 2-a Seminario de Argentino(Amerika Renkontiĝo)

3-a Kunsido

DELEGITA RETO EN LA MONDO

(Interkomunikiĝo)

Parto I - a)Signifo
b)Alireblo
c)Instancoj

Parto II- Protokolo de Kunsido en Universala Kongreso de Esperanto

(Gvide de Ĉefdelegito de UEA
en Brazilo,Symilde S.Ledon

INTERLANDA RENKONTIĜO AMERIKA

SEMINARIO DE ESPERANTO
Buenos Aires,31-3/3-4-94
(Asocio Buenos Aires de Esperanto
Argentina Esperanto-Ligo)

"INFLUO KAJ REZULTO DE DELEGITRETA AGADO EN SUD-AMERIKO"
(Prelego de ĈD-BR
Symilde Schenk Ledon)

RESUMO:

1. Enkonduko

"Estas necese difini sur kiu geografia plano ekstartas nia kunlaborpropono. Ŝajne ĝis nun restas ia malcerta orientado kiun tiu ĉi Renkontiĝo, enkadre de la Seminario,nepre estu solvcele diskutata. Dum la lasta UK en Valencio estis Amerikinstanca kunveno. Invitita por raporto de mia landa movado-stato mi emfazis la bezonon de Sud-Amerika nukleo labora sence al interrilato agada, subtene de UEA gvidlinia kunordigado. Oni diskutis pri siaj sistemoj, statoj, okazigoj kaj interkonsilis pri eventuala starigo de interlandaj renkontiĝoj entene de naciaj kongresoj, seminarioj , ktp por eviti la trooftiĝon vojaĝmalhelpe. Diversaj reprezentatoj , citis programojn por 94: Brazilo : en julio, Venezuelo en oktobro,Kubo por marto kaj septembro."

"Neprus pli da informoj inter la Asocioj en eksterlando, tiel konfirmiĝis ke instanco nepriĝas por kunordigado."

2: Influo de Delegitreta Agado en Sud-Ameriko

"Tre verŝajne la Delegita Reto en la Movado estas elstare la kontakto-punkto inter la esperantistaro, ĉar ne ĉie estas landaj asocioj aŭ asocioj aligitaj al UEA. Se ni analizas la Jarlibron ni rimarkas malmultajn asociajn kaj kotizperantajn adresojn, tiel ke por komunikad-serĉo peras la Reto."

3. Rezulto de Delegitreta Agado en Sud-Ameriko

"Sen ia pretendo speciala, sen antaŭvidoj sur estontaj paŝoj ni tamen konstatu ke de la prezentitaj rezonoj ni estas en Sud-Ameriko, preskaŭ 400 homoj de Delegita Reto efektive disponeblaj por instrui, informi, disvastigi kaj vivigi Esperanton, kun kodo, nomoj kaj adresoj, iamaniere oficistoj kiuj respondecas pri sia tasko kaj kapablas plenumi sian devon."

4. Sugesto

"a-Plena raporto de la nuna Seminaria Renkontiĝo atingu UEA; b- Estu propono por venonta Interlanda Renkontiĝo Sud-Amerika."

5. Konkludo

"Ĉiuj iniciatoj estas formoj de vivanta antaŭeniro; ili ne devas resti surpapere kaj ili fontas de ideoj al diskutoj kiuj produktas strategion por celplenumo. Ne ĉiu strategio estas nepre rezulta kaj ideala, tiam ni modifu ĝin sed ni daŭre agadu. La kelkaj haltoj kaj baroj estu momentaj. Io estis farita. Ni enregistru en la komunumon esperantistan la eventon ĉar grupo de homoj kunsidis por daŭrigi nian Movadon."

## A B C DE ESPERANTO

(Jarlibro)

Jen ideo por diskonigi nian lingvon kaj por informi niajn lernantojn pri la Eperanto-Movado. La **ABC** celas esti ilo por propagandi Esperanton, kaj esti kompilaĵo kun diversaj informoj pri kio ĝi estas: avantaĝoj lerni la lingvon, kion fari por daŭrigi la lernadon kaj por partopreni la E-movadon, adresoj de asocioj, aliĝiloj al BEL kaj al kongresoj, kaj aliaj sciindaĵoj. Ĝi celas esti speco de "Jarlibro" por la brazila esperantistaro, tial la jaro aperas sur la kovrilo. Kompreneble ĝi ne estas senmanka kaj estas nia intenco ĝin plibonigi por la venontaj jaroj. Ni petas al vi, bonvolu sendi al ni la ĝustan adreson de via asocio, (klubo/grupo) kun telefonnumero por kontakto. Se en via urbo ne estas asocio, ni povos aperigi adreson de iu Delegito aŭ de alia esperantisto, kiu pretas helpi samideanojn dum vojaĝo kaj doni informojn, al neesperantistoj. En la "kalendaro" devas aperi la brazilaj eventoj. Ni atendas vian kontribuon. Kio mankas? Kio bonas? Kio malbonas? Kio ŝanĝeblas? Kio plibonigendas? Kio forĵetendas? Bonvolu ne prokrasti, ĉar antaŭ la jarfino ĝi devas esti preta por apero en januaro 1995.

**ABC** povas esti disvendita en revubudoj, ĉar interesiĝantoj pri la lingvo, en ĝi trovos adreson de LIGO aŭ asocio en sia urbo. Krom tio, estas librolisto por memlernado kaj portugallingvaj informoj pri Esperanto. Al niaj lernantoj ni devas "nepre" disvendi, ĉar ili restos informitaj pri

nia movado. La ABC ŝtopos la breĉon kiu kutime okazas dum niaj kursoj.Se vi volas aĉeti plurajn por disvendi, en via urbo, vi ricevos rabaton.(Unu ekzemplero - 15 naciaj poŝtmarkoj). Via kontribuo helpos ankaŭ la agadon por diskonigo de Esperanto en Ekologia medio.

ARISTÓPHIO ANDRADE ALVES FILHO
D-FD
Cj.Benedito Bentes 1,
Rua B-55, nº 85 , Q. B-55
Tabuleiro
57084-040 MACEIÓ,AL

**UNIVERSITATA ESPERANTO-MOVADO**

Poŝtkesto 41
36001-970 JUIZ DE FORA,MG

Fondita la 15-an de marto,94 celas a) diskonigi la lingvon Esperanto, inter universitatanoj, la urbo kaj la regiono; b) helpi en la organizado ; d)kunigi personojn pro fondi nian klubon; e) la tri fondantoj kiel lernantoj de Beletra Kurso de la Universitato, provos skribi librojn, universitatlaborojn,muzikojn, teatraĵojn, ktp. en Esperanto, kaj krei E-teatrogrupon kaj E-muzikistaron.

MARCELO ANTONIO BORGES VARANDAS
FD kaj Vicprezidanto de UEM

## GRAVECO DE L'SCIO

Scio lumigas la vivovojon
kondukante nin tra
la direktoj de l'Bono,
kaj tradukante,
per oraj literoj,
nian penson.
Feliĉaj estas tiuj
kiuj faris el sia vivo,
permanentan lernejon,
konstantan kaj senĉesan!...
Serĉante el la neelĉerpebla
trezoro de saĝeco,
la fonton de l'Scio,
per kiu oni trinkigas
sian animon
kaj riĉigas sian koron...
Oni povas disdonadi
tiujn semojn inter tiuj
kiuj ĝuas kunvivadon,
portante kun si
al posttombo,
tutan trezoron
kiun oni sukcesis akumuli
dum tuta sia vivo.
"Lerni kaj Ami",
jen estas la ĉefaj celoj
de la homekzisto,
la du flugiloj
kiuj harmonie ekvilibritaj,
permesas al li flugi
kaj flugi,ĝuante dum
nedifinita tempo,
la multkoloran pejzaĝon
kun nepriskribebla beleco
de l'Senfina Universo!...

Manoel Borges dos Santos
D-FD (Muritiba,BA)

*RARAĴOJ DELEGITRETAJ*

ESPERANTO-INFORMO

(Rui Ramos M.de Andrade
Rua das Flores,385/E4/207
24435-410 S.GONÇALO,RJ)
VD - FD (gastigado)

Tiu Delegito prizorgas persone Klubon de Plumamikoj kaj STC(Serviço de Tradução de Cartas=Servo de Letertradukoj), ĉu portugale, ĉu esperante, kaj konas ankaŭ la anglan -samtempe li disponigas librojn - pri Eseranto, sin proponas por kunstudado, sin kompromitas peri la korespondadon kun eksterlandanoj, kaj liveri modelon, traduki la respondojn, sendi listojn de adresoj, pere de kompenso laŭ poŝtmarkoj, por poŝtaj elspezoj, kaj prunte kiam temas pri E-libroj. Krome, por la sistemo estas ĉirkaŭ 15 diversaj tekstoj informaj kaj diskonigaj en klara, sinteza kaj entuziasme-alloga stilo, kiujn post legado oni devas returnigi al li por interŝanĝo kun aliaj interesitoj; li ankaŭ raportas pri Pasporta Servo, TEJO kaj Amikeca Reto. Plie li ankaŭ vendas librojn kaj peras abonon de revuoj; por gramatiko oni pagas per poŝtmarkoj kaj se la persono ne ŝatis ĝin, eblas resendo, kaj li redonas la poŝtmarkojn! Krome... kiel li diras:"Mi laboras pro amo kaj kun malmultaj rimedoj".

## RAPORTO PRI STATISTIKO

Plenume al la paragrafo 20 de la pre-pardokumento por nova Regularo pri Delegitoj de UEA,estis senditaj 300 enketiloj(respondiloj)al la brazila Reto,fine de 93,kun 150 respondoj ekvivalente do al 50%. El tiuj:

MEMBROJ de Organizaĵoj

UEA...100%-BEL...70%-BEJO,TEJO...3%-LOKAJ KLUBOJ...70%-INTERNACIAJ ORGANIZAĴOJ...30%

ABONOJ de publikigaĵoj

(krom revuo "Esperanto")laŭ plimulto jenorde:EL POPOLA ĈINIO-BRAZILA HEROLDO-SENNACIULO-KONTAKTO-MONATO- LA ESPERO EL KOREIO kaj HEROLDO-JUNA AMIKO kaj PEDAGOGIA REVUO-INTERNACIA MEDICINA REVUO kaj EVENTOJ-MONDA FORUMO. Kun 4 ĝis 2 abonantoj: RADIKALA PARTIO-LAŬTE-LITERATURA FOIRO-FONTO-KANCERKLINIKO-FENIKSO-ASISTILO-SIMPOZIO-LA VERDA LUPEO-VERDIRE-ESPERANTO AKTUELL-ROK GAZETO-IKEO-EKONOMIA BULTENO-SCIENCA REVUO-LA LETERO DE L'AKADEMIO.

PARTOPRENO de eventoj

Kongresoj...50%-Renkontiĝoj...30% - Diversaj...30%

KONTAKTOJ

Leteraj...30%-Telefonaj...15%-Personaj...15%-Aliaj...30%

SPECIFA AGADO

1.Instruado,Disvastigado,Informado 2.Estrarpostenoj-3.Prelegantoj,redaktoroj, artikolistoj-4.Verkistoj kaj faka agado-5.Revizioj,recenzoj,tradukistoj,libroservo,eldonejoj.

El la enketiloj ne ricevitaj (150):
Eliminitaj pro diversaj kaŭzoj dum la jaro........................ 34
Esperantistoj agantoj konataj 23
Amazonia Regiono.............. 43
Orienta .............. 11
Nordorienta .............. 7
Centrokcidenta .............. 5
Suda .............. 7
Resenditaj de poŝto.......... 20
150

(ĈD-UEA/BR)

## INFORMADO

La ĵurnalo "Diário de Itabuna" aperigas senpage "TRINTA LINHAS- UMA COLUNA"("TRIDEK LINIOJ-UNU KOLUMNO"), por priesperantaj sciigoj. La tiea Delegito invitas al kunlaboro: interesitoj bv. sendi al li la artikoletojn en portugala lingvo (2x30 linioj=2 kolumnoj,ĉiu linio 34 tusoj). Adreso:
Hilmar Ilton S.Ferreira
Caixa Postal 205
45600-000 ITABUNA,BA

## NOTO

Kompleta listo de Delegita Reto, ĝisdatigita (11-paĝa), riceveblas, kontraŭ R$1,00 aŭ egalvaloro en poŝtmarkoj (1ª valoro k/aŭ 2ª valoro).

## UTILAJ KLARIGOJ AL LA DELEGITOJ

- Pri dubo de siaj kodoj, atenti je ricevo de la revuo Esperanto:sur la koverto aperas la kodo!

---

- Delegito kiu avertas rekte al UEA pri adresoŝanĝo, malhelpas la kon - trolon de ĈD (tiu ĉiam komunikas kaj al Centra Oficejo kaj al RD la ŝanĝon), male UEA ne komunikas al la ĈD rekte.

---

- En urbo povas esti nur unu Delegito, unu Vicdelegito, unu Junularde legito.

---

-Fakdelegito povas respondeci nur ĝis maksimume pri tri fakoj.

---

- En ĉiu tria jaro la delegitaro de klaras pri plilongigo au ne, de pli aj tri jaroj de sia posteno.

---

- Nova Delegito devas esti jam la antaùan jaron membro de UEA (MJ-MA sed MG ne povas esti Delegito),kaj tiamaniere nur la trian jaron lia (ŝia) nomo aperos sur Jarlibro.

---

- ĈD estas elektota de la landa a- socio kaj UEA; RD estas elektota de ĈD respektiva.

---

- 1995 estos elektojaro, bonvolu ĉiam serioze atenti pri enketiloj ricevitaj kaj nepre respondi al ĉiu korespondaĵo ricevita, ĉar ti o estas fundamenta tasko de Dele- gito.

---

## H U M U R E...

"KIAM DELEGITO NE EFIKAS!"

Ekzemplo:

Fakdelegitino kaj la edzo estas atakitaj je la 20-a horo en urba kvartalo de kvaropo surmotorcikle kaj minacas per revolveroj. Oni volas forporti la delegitinon sed la edzo sukcesas konvinki la junulojn ke ili prenu lin mem( ankaŭ delegito!), kontraŭ special sumo. Ili interakordiĝis kaj la delegitino serĉis policejon por denunco kompreneble en ega nervostato. Tie oni rekomendis al ŝi alvoki pertelefone familianon aŭ amikon por kelkaj formalaĵoj. En la tro streĉiga cirkonstanco ŝi forgesis ĉiujn telefon-numerojn KROM tiun de la ĉefdelegito! Honte, esperople ne , ŝi faris la kontakton. Vane. Neniu respondis. La ĉefdelegito , forestis de sia domo kaj tre ĝeni ĝis prisciante la aferon unu semajnon poste, kiam de longe la forprenito estis hejmen reveninta!

**NOTO**: Reala okazintaĵo.

Rolintaj delegitoj:
D.V.B. - H.A. - S.S.L.

"KIAM DELEGITO EFIKAS!"

Ekzemplo:

Delegito verkema intencis traduki libron el Esperanto al portugala lingvo, sed serĉis la originalon (en la angla lingvo), kiun li ne trovis eĉ ĉe famaj librovendejoj.

Tiam li sin turnis al la Instituto kiu eldonis la E-tradukon en Nederlando kaj samtempe al delegito en Usono por informiĝi pri la ebleco, kontraŭ pago, havigi ekzempleron. Kiam la Instituto respondis pri elĉerpita stoko sed baldaŭa prizorgo por havigi unu, la delegito de Usono jam estis farinta la liveradon al la verkema delegito!

**NOTO**: Reala okazintaĵo.

BR-delegito: F.G.M.

## NIAJ REGIONAJ DELEGITOJ

SUDO: Ronie Cardoso Filho, komence de la jaro sendis cirkuleron al la Sud-retanoj kun alvoko al realiĝo k re-agado. En julio,94 li partoprenos la 78ªn UKE en Seulo.

ORIENTO:Luiz A.O.Coelho, partoprenis la 8ªn E-Renkontiĝon de RJ,en Nova Friburgo, kun prelego pri vojaĝo, al Bolivio; kaj tiun de Barra Mansa,RJ (17ªE-R.de Sudparaiba Valo),kie li estis longe intervjuita pri sia esperantiĝo,sperto en vojaĝoj k kontaktoj kun esperantistoj eksterlandaj.

La 12-an de junio li vizitis la E-grupon de Juiz de Fora kie oni vigle planadas pri E- en Universitato,urbo kaj regiono.

## PRI NOVA REGULARO DR

(Provizora)

- Bonvolu nepre aldoni al la respondilo la biografieton, de la kandidato.
- Oni emfazu kvaliton anstataŭ kvanton por DR.
- Kelkaj fako-esprimoj suferas redifinon de la Direktoro de la Centra Oficejo kun aprobo de la Estraro (pro tio ne strangiĝu se en Jarlibro ĝi aperas iele modifita).
- Kandidato por delegiteco devas esti individua membro en la kategorio MJ, MA aŭ DM en la jaro de elekto kaj en la antaŭa.(Elektojaroj: 1995-1998-2001 ktp.)
- Kandidato por faka delegiteco devos montri profesian aŭ akademian ligon kun la koncerna fako aŭ alimaniere en skriba prezento sian kompetenton.
- Ne povos esti por iu lando pli ol unu ĉefdelegito.Ne povos esti por iu urbo aŭ vilaĝo pli ol unu loka delegito, unu vicdelegito (en kazo de granda urbo) kaj unu junula delegito. Unu persono ne povos esti faka delegito por pli ol tri fakoj.
- Ĉefdelegito ĉiujare sendos al la delegitoj en sia lando respondilon por informiĝi pri ties agado kaj skribe raportos al la Direktoro de la Centra Oficejo.

# Manaus - ĉefurbo de delegitoj

Kun granda surprizo mi malkovris sur pp. 121 - 124 de la ĵus ricevita *Jarlibro de UEA*, ke en brazilia urbo Manaus troviĝas 53 aktivaj esperantistoj, kiuj prizorgas 59 delegitajn postenojn. Budapest, unualokito ekde jardekoj, kun siaj fidelaj 21 delegitoj en 1993 okupas nur kvaran lokon en tiu imagita konkurso post tri braziliaj urboj (Manaus 53, Rio de Janeiro 24, Sao Paolo 24).

En la nomo de budapeŝtaj delegitoj mi elkore gratulas miajn braziliajn kolegojn kaj deziras al ili multajn informpetajn leterojn, valorajn kontaktojn kaj fakajn kaj movadajn. Kaj, krome, mi petas ilin klarigi al mi (sur paĝoj de *Eventoj*): kiel eblis tiu neatendita granda salto: ja en 1992 en Manaus troviĝis nur 22 delegitoj!

*Árpád Máthé (Hungario)*

Eventoj

# Sen fiero...

Nome de la Delegita Reto en Brazilio mi dankas la afablajn vortojn de s-ro Árpád Máthé (*Eventoj*, 1/aŭgusto '93) reprezente de budapeŝtaj delegitoj, gratule al Manaus - ĉefurbo de delegitoj.

Mi aldonas nur informe, ne fiere, ke la statistiko de Jarlibro (pp. 318-320) Brazilio ĉefas ankaŭ laŭlande rilate al individuoj (284), fakdelegitoj (250), vic-delegitoj (33), junulardelegitoj (23). Kiel klarigo de la neatendita granda salto de Manaus, rilate al 1992, certe respondecas unue la sistemigo de agado de la regiono (5), enkondukita en 1990 kaj due, kompreneble, la delegito de Manaus mem.

Cetere, en la Delegita Reto: sen fiero, sen konkurso, nur kun laboro!

*Symilde S. Ledon, ĉefdelegito de Brazilio*

## AŬTOBIOGRAFIO

*VIVALDO MARCELINO DA SILVA*
*Delegito de Campos,RJ*
*Emerita Bankoficisto kaj Advokato*

*"Li naskiĝis la 24-an de julio 1926 en la vilaĝo nomata portugale Campo Novo de Cacimbas (en E-o:Nova Kampo de Akvofontoj) en la Municipo São João da Barra(en E-o:Sankta Johano de la Havenenirejo), ĉirkaŭ 25 km for de Campos, urbo en kiu li loĝas kaj estas Delegito. Li devenas de tre malriĉa familio. Jam tre frue en la infaneco li perdis la gepatrojn, kiujn li eĉ ne konis. Ĉirkaŭ 7-jara, li transloĝiĝis al Campos , kie tuj li komencis mem perlabori sian panon per ĉiaj eblaj laboroj: li vendis sukeraĵojn, gazetojn, fruktojn surstrate, transportis kontraŭ pago malgrandajn pakaĵojn surkape kaj ŝultre, estis kuiristo en riveraj barkoj, sarkis stratojn kaj sukerkanejojn kaj per grandaj tranĉiloj rikoltis sukderkanon por sukerfabrikoj. Li lernis legi kaj skribi ankoraŭ en sia naskiĝloko, sed nur ĉirkaŭ 20-jara li povis daŭrigi la lernadon kaj fini la unuagradan lernejon. Ekde tiam li ne ĉesis studi, diplomiĝis pri librotenado, partoprenis publikan konkurson de Banko de Brazilo kaj aprobite fariĝis ties oficisto. Jam kiel bankoficisto, li instruis en Campos la portugalan lingvon en vespera duagrada lernejo dum kelka tempo, laboro kiun li forlasis pro manko de tempo. Antaŭe,kiam li laboris en Londrina(Ŝtato Paraná) en la sudo de Brazilo, kolego*

*en la Banko atentigis lin pri E-o, vendante al li E-ajn vortarojn kaj lernolibrojn. Tiu materialo restis netuŝita surbrete plurjare kaj nur komence de 1963 aperis vera interesiĝo pri E-o kaj li serioze eklernis ĝin. la 2-an de marto 1963 li akiris la elementan diplomon de Brazila Esperanto-Ligo, la 24-an de januaro 1964 la superan kaj la 26-an de oktobro 1965 la instruistan. Ekde tiam firme kaj entuziasme li laboras por la disvastigo de E-o en la regiono. Kelkajn jarojn antaŭ sia emeritiĝo, li faris eniran ekzamenon al jura fakultato k advokatiĝis. Li estas nun la prezidanto de Campos Esperanto-Klubo. Ĉiujare li varbas membrojn por UEA kaj abonantojn por E-aj revuoj, precipe por El Popola Ĉinio. Li jam uzis ĉiujn amaskomunikilojn por diskonigi E-on: verkado de artikoloj, en ĵurnaloj, partopreno en radioprogramoj, intervjuoj, pagita propagando pri E-o en televizio, ktp. Antaŭ 5 jaroj li entreprenis kampanjon por havigi propran sidejon al la Klubo kaj finfine en novembro 92, la celo estis atingita, per akiro de malgranda etaĝo en tre okulfrapa loko, nome, en la koro de la urbo mem. Ĝi konsistas el 3 sufiĉe grandaj ĉambroj, klimatiziloj, ktp. La prezo estis dek mil dolaroj. Post la instaliĝo de la Klubo en la nova sidejo, la laboro por E-o fariĝis pli facila kaj efika. Necesas diri ke tio ne estus ebla sen la malavara monhelpo kaj kompetento de ĉi-urb*

*aj sindediĉaj esperantistoj.Danke al la amikeco kun la taksiistoj , jam de pluraj jaroj seninterrompe pli ol cent urbaj taksioj portas belan kaj grandan koloran propagandilon de Esperanto sur la vitroj, kio montriĝis bonega popula riga rimedo. Li partoprenis en pluraj brazilaj E-Renkontiĝoj kaj la Universalan Kongreson en Brazilio; ĉiujare gvidas E-kursojn , bedaŭrinde ankoraŭ kun malmultaj, sed tre bonkvalitaj gelernantoj, el kiuj venis la plejparto de la esperantistoj, kiuj helpas lin en la E-a laboro.*

**KAMPANJO "D"**

Por urboj sen Delegitoj:

Candeias
Divinópolis
Guaratinguetá
Itabuna
Praia Grande
Sertãozinho
Terra Santa

(ankaŭ por novaj urboj!)

BRAZILO havas unuan lokon por ĉiuj postenoj, krom tiu de urba Delegito,kies venkanto estas Germanio , kun duobla nombro.

## 8ª SUDBRAZILA RENKONTIĜO DE ESPERANTO

(Letero de FD Osvaldo Pires de Holanda, Prezidanto de Esperanto-Asocio de San-Paŭlo, al:
Gaŭĉa Esperanto-Asocio
Porto Alegre, RS
Esperanto-Asocio de Santa Catarina, Florianópolis, SC
Paraná Esperanto-Asocio
Curitiba, PR):

Estimataj Estraranoj,

La Estraro de EASP varme salutas vin kaj komunikas ke dum sia estrarkunveno fine de monato januaro, estis aprobita kaj bone akceptita, la proponon starigitan de la Ĉefdelegito de UEA, en Brazilo, S-ino Symilde S.Ledon, por organizi la 8-an Sud-Brazilan Renkontiĝon de Esperanto, en la dua semestro de 1995 (laŭ interkonsento kun la aliaj asocioj de sudregiono.

Oportune vi ricevos pliajn detalojn pri loko kaj dato pere de S-ino Symilde S.Ledon, kiu estas nuntempe ankaŭ kunordiganto de renkontiĝoj kaj kongresoj ĉe EASP.

Kompreneble ni petas vian helpon, por la disvastigado de tiu ĉi evento. Je via dispono, ni kaptas la okazon por deziri sukceson en via poresperanta laboro.

**LA CENTA SIMIO**

Origina titolo:
"The Hundredth Monkey"
(La Centa Simio)
Eldono de Vision Books,Coos Bay
Oregon 97420, Usono
Verkisto:
Ken Keyes Jr.
Unua eldono: januaro 1982

Nederlanda traduko:
"De Honderdste Aap",
Eldono de:Ankh-Hermes BV,
Deventer, dua eldono, 1984.

Esperanta traduko:
"La Centa Simio"
Eldono de: Internacia Esperanto-Instituto (I.E.I.) Riouwstrato 172, NL-2585 HW HAGO, Nederlando
Unua eldono:septembro 1984
Traduko: Joek Naber-Keller

Ĉi tiu traduko efektiviĝis nur dank'al la treege valoraj, nemalhaveblaj korektoj, lingvaj plibonigoj kaj konsiloj de du eminentaj nederlandaj esperantistoj, kiuj deziras resti anonimaj.



**Portugala traduko:**
Fakdelegito
Fernando J.Galvão Marinho
(Rio de Janeiro,RJ) 1994
Kun lanĉo dum la 30ª BKE, Natal-RN
Julio,1994

Nuntempe mi havigis al mi bonan programon (malaltkostan) por skribi belajn afiŝojn aŭ leterojn perkomputile. Bedaŭrinde malmultas tiaspecaj softvaroj kaj la esperantistaro havanta komputilon multe bezonas tion. Do se eblos al vi, bonvolu disvastigi tion inter via konataro kaj amikaro.

Ĝi permesas skribi **dikajn** aŭ **altajn literojn.** Estas multe da literfontoj por pli postulemaj uzantoj kiuj preferas skribi gotike aŭ grasse. Ĝi permesas al vi fari kadron

| ĉirkaŭ la teksto |
|---|

aŭ desegni ion ajn kaj skribi tiel aŭ tiel laŭplaĉe.

Cláudio Rodrigues Pistilli
Rua Quinzinho de Barros, 356
SOROCABA - SP
18020-180

FD-UEA/BR

"DISTANCA ŜALTILO"

Eldonas:

"LA VOĈO DE ESPERANTO"
(Organo de Sendependa Fako
"DISTANCA ŜALTILO")

INTERNACIA AŬSKULTADO-
KLUBO PRI ESPERANTO EN
R A D I O

Ĉefredaktoro:

FD(Radio-Aŭskultado)
MARCELO LUIZ BRASIL
Adreso:
Rua Prof.João Doetzer,33
81540-190 CURITIBA,PR

Por aboni sendu 2 IRK

NIAJ GRAVAJ CELOJ ESTAS:

1-Disvastigi Esperanton inter radio-aŭskultanto(DX)k interesantoj pri E- en Radio;

2-Disvastigi E-programojn al landoj,kiujn la ondoj ne atingas;

3-Pruvi al aliaj radiostacioj la profiton uzi Esperanton por atingi pliajn landojn;

4-Amikigi la klubanojn tra interkomunik-informoj de Esperanto-programaj dissendoj;

5-Konsciigi la estontajn klubanoj,ke la radiodissendoj en E- nur ebliĝas per letero al radiostacioj,interkomuniko k niaj gravaj reagoj.

**REGIONAJ DELEGITOJ**

CENTROKCIDENTO
(Ŝtatoj TO-DF-GO-MT-MS)
Henrique A.K.Mendonça

ORIENTO
(Ŝtatoj MG-ES-RJ)
Eksiĝis la kompetenta kaj laborema Denise A.Deslandes kaj enposteniĝis la granda aktivulo Luiz Alberto de O.Coelho

SUDO
(Ŝtatoj SP-PR-SC-RS)
Ronie Cardoso Filho

NORDORIENTO
(Ŝtatoj PI-CE-RN-PB-PE-AL-SE-BA)
Eksiĝis la de longe kunlaboranto José M.Marques
Enketiloj estis dissendataj al tieaj delegitoj por elekto de nova kandidato; ni atendas la respektivan akcepton.

AMAZONIO
(Ŝtatoj AM-RR-AP-PA-MA-AC-RO)
Cele al elekto-jaro 1995 enketiloj estis ĵus dissendataj al tieaj delegitoj por indiko de kandidato.

**LA MEMBRARO DE UEA EN 1993**

("Esperanto" - marto 93)

Malgraŭ "ŝrumpo" de IM citita rilate al Brazilo, Usono kaj Pollando, nia lando en 115 landoj ankoraŭ okupas : la sesan lokon, post Francio, Germanio, Usono, Nederlando kaj Japanio.

